# VERDA UTOPIO




Danco

Ukijoe (*japana propra pentrajo*), de Matabei Iûasa(?)


Februaro OSAKA, JAPANUJO 1922

## ENHAVO:

# VERDA UTOPIO

INTERNACIA REVUO ESPERANTA

REDAKTORO: KUNITARO FUKUTA

ADMINISTRACIO KAJ REDAKCIO:
"VERDA UTOPIO"
5265, UEHOMMACHI 7-CHOME,
MINAMI-KU, OSAKA, JAPANUJO.

JARABONO:
Eksterlando: Yen 1.70, Enlando: Yen 1.50, Helpabono Yen 5.00.
Konto ĉe Kajima Banko, Osaka
Poŝtĉekkonto: Osaka No. 55629

VOL. III. FEBRUARO 1922 NO. II

## Virino en Moderna Japanujo.

De S-ino K. Jamakaŭa

Duonjarcento pasis for de kiam japanujo estis devigita malfermi sian pordon pro nekontraŭstarebla frapado de monda kapitarismo. La transiro de feŭdalismo al kapitalismo, ĉe ĝia okazo, procedis ne malrapide kaj laŭgrade kiel en la okcidentaj landoj, sed iom subite kaj devige. Ĝia socia stato estis malpli sufiĉe progresinta ellasi ĉiun feŭdalisman kutimon kaj limigaĵon tuj, tiel ke ĝi devis fari salton post salto por ĝisiri la progresintajn naciojn. Kiel rezultato de la nove enkondukita okcidenta civilizacio, ni trovas multajn anakronismajn ideojn kaj kutimojn saltantajn mano ĉe mano kun modernaj ideoj kaj kutimoj. Ĉe la politika kampo tio ĉi estis reprezentata de la sinlevigo de la klana registaro kun ĝia treege kreskinta burokrateco kaj falsa konstitucio, anstataŭ pura burĝa registaro; en la sociala kampo tio ĉi estis indikata tre bone ĉe la tradicia formo de la familia vivo, kun virina degradeco kaj dependeco.

Kiel konsekvenco de sia plena izeleco de jarcentoj, japanaj popoloj estis neeviteble limigataj en sia elrigardo kaj pro sia malklereco ili estis devigata kredi naive, ke

ili havas nenion komunan kun aliaj nacioj, ke la raso mem estas tute malsimila al la aliaj, kaj ke iliaj historio, idealo, kutimo kaj moro, ĉio tio ĉi estas eksklusive ilia proprajo. La familio ĉefe estis tenata kiel unika trezoro de la raso, senkompara en multaj aliaj societoj aŭ nacioj. Efektive, ĝi estas nun sanktigata de la reakciuloj.

Tamen, per esplorado ni trovas nenion apartan en la japana familio ; ĝi estas regata de la samaj leĝoj de socia evolucio, kiel en aliaj nacioj, kaj ĝi suferas aliiĝi komforme al ŝanĝita ekonomia sistemo. En nuna tempo la japana familio, povas diri, estas aparta nur en tio ke, kun la suvereneco de viro kaj sklaveco de virino, ĝi ankoraŭ konservas iom da trajtoj de la feŭdala familio. Kaj tio ĉi ŝuldas, mi pensas, al la fakto, ke japana kapitalismo estas ankoraŭ tro juna enhavi en si mem disvolvitan burĝan liberalismon. Kvankam tie estas iom da escepto, tamen ĝenerale ni devas konfesi, ke la japana virino havas jam malmulte da persona libereco kaj sendependeco. Tiu fakto, kunigita kun la peza ŝarĝo de mastraja servado, klarigas kial la disvolviĝo de organizo en mezo de virino estas malrapida. Sed, antaŭ ol eniri diskuton pri la nuna stato de japana virino, oni permesu al ni komenci mallongan kritikon pri ilia estinteco.

(Daŭrigota)

Tradukis Kofo.

Japanujo, malsimile de Ĥinujo, estas religia lando. La ĥinoj dubas dogimon ĝis kiam ĝi estos pruvita vera ; la japanoj kredas ĝin ĝis kiam ĝi estos pruvita falsa.

— Bertrand Russell —




# IMPRESOJ PRI JAPANUJO.

(El notlibro de verema japanamanto.)

(**Daŭrigo**)

## III.

## Moraleco kaj Nuda Korpo.

Se mi diris en la komenco, ke eŭropanon frapas la originala vesto de japana nacio, mi devas aldone diri, ke lin ankoraŭ plimulte frapas la originala por kultura (eĉ altkultura) lando.........senvesteco. Nuda korpo ankoraŭ regas ĉie krom ĉefurboj, kie ĝi nur duonregas, dank' al klopodoj de polico por bono de "eŭropa civilizacio", kiu kondamnas hipokrite la nudan korpon en la reala ĉiutaga uzado, tamen adorante ĝin en la belarto (pentrarto, literaturo). Se nuda korpo (reala, ne pentrita) estas maloftaĵo en nia landaro, ĉi tie ĝi estas tute ordinara, ĉiutaga aperaĵo, kiun neniu atentas. Nudaj manoj, piedoj, brusto, eĉ ventro, ofte plena vestmanko krom "zono de honteco" —jen kion vi ĉiutage vidas ĉi tie. Komence tio vin ŝokas, konsternas sed poste vi tre rapide alkutimiĝas kaj opinias tion esti tute natura, bona, aprobinda, kaj eĉ emas imiti, ĉar la klimato tion permesas. Ekz., mi persone tiom japaniĝis, ke dum varma sezono hejme sidas kaj en la loĝejo promenas tute senvesta, nur en mallongetaj pantalonetoj, simila al la zono de honteco, kaj eĉ en tia "vesto" (pli bone dirite "senvesto") mi

akceptas gastojn japaninojn kaj konatulojn. Sed mi jam aŭdas siblon de bonmoruloj "ŝokanta koduto! malmorala! neetika!" Sed permesu demandi la moralulojn hipokritajn! se estas morale nudigi korpon pro klimataj kondiĉoj, kial do vi toleras tion en belarto, kiam birdoj, poŝtkartoj, skulptaĵoj, pentraĵoj ĉiam, ĉie adore prezentas nudan geviran korpon, kiam poezio kaj literaturo ĝin prikantas kaj glorigas, kiam ĉe viaj vesperbaloj aperas virinoj en tia malkasita dekoltaĵo, ke ili ne diferencas de nuda aŭ duonnuda virino, eĉ pli altirante la voluptemajn avidajn rigardojn per bela kaj arta substreko de virinaj belaĵoj kaj allogaĵoj?! Kial vi—moraluloj—ne protestas? Ĉu vi ne scias, ke eŭropaj virinoj sin vestas tiel ruzarte, substrekante kaj akcentante siajn korpbelaĵojn (busto kun dekoltaĵoj kaj korseto, diafanaj gazaj roboj, tra kiuj estas videblaj piedoj en pantalonetoj, mallongegaj jupoj k.t.p.), por ke viroj pense ilin senvestigu? Do, ĉu ne pli bone alkutimigi virojn de la infaneco vidi virinajn belaĵojn en ilia natura realeco, pro kio ili perdos sian allogforton de io nekonata mistera? Japaninoj ne zorgas pro sia busto aŭ vesto por ke ĝi allogu kaj incitu viron. Ĉu vi ne scias, moraluloj de eŭropo, ke ne vidante nudan korpon, niaj geknaboj kaj gejunuloj avide altirigas de tio, kion ĉiuj zorge kaŝas, samtempe substrekante tute alloge; kaj malsana scivolemeco kondutas al terura malmoraleco de nia infanaro kaj junularo, ofte pereigante kaj kripligante ilin. Tio ne okazas ĉe japana popolo. Ĉi tie oni kutimis vidi kaj estimi nudan korpon: sporto, hejmo, laboro—ĉie ĝi regas. Vi iras en vaporbanejon en Tokio, kaj pordoj estas malfermitaj, kaj trapasantaj viroj vidas sin lavantajn virinojn kaj, kontraŭe, en vira fako biletojn vendas virino, kaj apud ŝi senvestiĝas viroj; kaj en virina fako ofte biletojn vendas viro. Kiam mi unuan fojon

venis tien, mi, jam kompreninte psikologion de gejapanoj, tute trankvile senvestiĝis kaj en Adama aspekto alvenis al la virino kaj petis ŝin helpi min pri reguligo de varmega akvo en la baseno, kaj ŝi helpis. Ofte knabinoj envenas en la lavejon; ofte patroj kunprenas ses jarajn filinojn kun si—infano tute ne avidrigardas nudajn virojn: ĉu ŝi jam fariĝis malmorala, ho, vi—hipokrituloj! En la provinco estas ankoraŭ pli simple, pli ideale—eĉ zonoj de honteco malestas. Ofte en vaporbanejo kune sin lavas ambaŭ seksoj. Same ĉe la riverbanejo. Kiam mi vizitis sulfurvarmegakvon en Araju, Siobara, mi tie sidis en malgranda kuvo kun japanino kaj japanoj. Ĉu pensoj kaj sentoj de viro pŭriĝos per kaŝigo de tio, kion li soifas malkaŝi? Kaj ĉu vidado de la infaneco de nuda gevira korpo ne malakrigas voluptsenton? Certe, mi konsentas, ke vido de nuda virino ĉiam vekas en viro sekretajn dezirojn, sed en malpli akra grado en okazo de prezentado de la infaneco. Kaj tiurilate japanoj estas pli fortaj ol eŭropanoj. Oni rakontas multe da pikantajn okazojn pri eŭropanoj (speciale pri rusoj), kiuj trafis en ambaŭseksan banejon kaj estis kun honto forpelitaj da virinoj, ĉar ili ekscitiĝis vidante apud ŝi multe da nudaj virinoj! Do, kiu estas pli morala—ĉu japano, povante senpasie, indiferente sidi apud nudaj virinoj, aŭ tiu eŭropano ekscitiĝema? Unufoje, dum mia pieda promenado laŭ japanaj vilaĝoj kaj urbetoj mi pasis sur la stratoj de iu urbeto; estis la 8a horo de vespero, sed—pro somero —la suno estis ne ankoraŭ tute malaperinta; jen subite mi vidas, ke unu viro iras laŭ strato absolute nuda (el banejo), nur manojn plektinte ĉe speciale vira korploko; li fiere pasas, renkontas iun evidente konatulinon kaj tute trankvile konversaciis kun ŝi. Per tiu paradiza idilio eĉ

mi estis konsternita kaj tre bedaŭris, ke ne haviĝas ĉe mi fotografilo por fiksi tiun scenon. Jen ĝi—vera japanujo kun sia natura simpla reala sentaro kaj psikologio. En apartaj banejĉambroj kaj eĉ en la ĝeneralaj (komunaj) virinoj faras al viroj masaĝon, japanoj trankvile elportas tion; sed kuraĝaj rusoj, decidinte provi siajn nervojn, ordinare malsukcesas............

Sed mi devas noti, ke iom post iom la eŭropa vidpunkto pri nuda korpo estas enpenetranta en urbojn de japanujo kaj en urbegoj estas malpermesite (nesevere) nuda (certe, kun zono) pasi, ankaŭ en tro mallongaj pantalonetoj. Oni diras, ke tion oni faras sub influo kaj eĉ premado de fremduloj kaj eŭropaniĝintaj japanoj.

(Daŭrigota)

Siberia pastro Inocento Seriŝev.

## Literatura Konkurso de V.U.

Premioj: la premio ¥10.00 (1 p.), 2a premio ¥5,00 (2 p.), 3a premio tutjara abono al V.U. (3 p.).

1. Traduko de aŭtoritata moderna literaturaĵo japana. De 1.500 ĝis 3.000 vortoj.

Kondiĉoj:

1. Tradukon de neoriginalaĵo oni ne akceptas.
2. Devas esti skribita ie sur la manuskripto, se plena traduko, nomo aŭ titolo de originala verko kaj nomo de aŭtoro, se ne, ankaŭ paĝnumero de libro krom ili.
3. Konkursantoj devas alpreni pseudonimon, kiu aperos sur la manuskripto. Ili devas skribi la nomon kaj adreson sur aparta folio, kaj enmeti ĝin en koverton, sigelante ĝin. Tiun koverton ili devas sendi kun la manuskripto.
4. Ĉiuj manuskriptoj premiitaj fariĝos la propraĵo de la V.U. La redakcio de V.U. rezervas al si ĉiujn rajtojn pri publikigo de manuskriptoj.
5. Manuskriptoj nepremiitaj estos resendita laŭ deziro.
6. Manuskriptoj devas atingi la redakcion de V.U. antaŭ **30. IV. 1922.**

# Raneto kaj Kokino.

(Fableto)

1

El fluanta rivereto
Grakas brue ia raneto,
Mokajn vortojn ĝi diras
Al kokin' kiu kante iras.

2

" Haltu tie! ne iru antaŭen!
Du vortetojn aŭskultu tamen:
Al malbela via ovaĉo
Ne rilatas tia kantaĉo!"

3

" Ĉesu almenaŭ momente!
Ne pepaĉu tiel turmente!"
La raneto moke ridas
Kaj kokino jene diras:

4

" Tre kontenta pro mia oveto:
Kantas mi plaĉe en kampeto,
Sed pri kio kanti vi povas
S' eĉ nenion fari vi volas?"

* *

Bone trafas la fableto
Pri kokino kaj raneto,
Al kiu agas neniel
Kritikante tuton ĉiel—

Originale verkis
Nardo Palagonia

Palermo Aprilo 1921.

# BIBLIOGRAFIO.

Ni nur recenzas duope senditajn verkojn kaj unuope senditajn ni nur citas. La legantoj povas ankaŭ mandi la raportitajn librojn ĉe "Verda Utopio".

LA LASTAJ TAGOJ DE D-ro L. L. ZAMENHOF kaj la Funebra Ceremonio. Eldonis Adolfo Oberrotman kaj Teo Jung. Eldonejo de "Esperanto Triumfonta", Koln-Horrem, Germanio. 48 pĝ., 13X17 cm. Havebla ĉe "Verda Utopio". Prezo ¥0.50.

Jen valora memoraĵo, kiun ĉiu esperantisto nepre devas posedi kaj lokigi en sian bibliotekon. La sur nigre enkadrigita luksa papero presita libreto enhavas kortuŝan artikolon de E.B. Wuster pri la lastaj tagoj de nia neforgesebla Majstro kaj la funebra ceremonio kun la plena paroloj de Leo Belmont, kaj Antoni Grabowski kiun la kruela sorto forprenis el ni en la lasta julio, kaj plorĝemigajn kaj impresigajn poemojn de leo Belmont, Julio Baghy kaj Feliks Hiller. Estas menciinde, ke la libreto enhavas, krom la portreto de la majstro, 10 bildojn de la enteriga ceremonio kaj de la tombo.

BES-a ADRESARO de Esperantistoj el ĉiuj landoj. 3a eldono. 70 pĝ., 11½ × 15 cm. Havebla ĉe Bohema Esperanto-Servo, Moravany, Bohemujo, Ĉeĥoslovakio. Prezo 1.50 sv. Fr. aŭ 60 Senoj.

Jen enhavo: la parto: Adresaro de unuopuloj. IIa parto: Adresaro de Entreprenoj. 1. Esperanto-Societoj, 2. Esperanto-Servoj, 3. Firmoj uzantaj Esperanton. IIIa parto: Alprenigoj. La adresoj en tri partoj estas ordigitaj laŭ lando.

Por 1.50 sv. Fr. (60 Senoj) ĉiu opa esperantisto povas enpresigi en ĝi sian adreson, same ankaŭ firmoj.

ESPERANTO. Die Grammatik von Dr. Zamenhof mit Erlauterungen von Prof. P. Christaller. 73 pĝ., 13 × 19 cm. Havebla ĉe Verlag von Wilhelm Violet, Stuttgart. Prezo M. 9.50+50%

"VIRINOJ, KUNIGU VIN! MILITU KONTARAŬ MILITON!". Poŝtkarto de prof. P. Christaller pentrita kaj memeldonita. Havebla ĉe prof. P. Christaller, Neue Weinsteige 61, Stuttgart. Prezo 10 ekz. 4 respondkup., 100 ekz. 30 respondkup.

LA PRINCIPO DE LA MOVADO POR ĈASTA VIVO, pliklarigita el ideala kaj praktika vidpunkto. 30 pĝ., 13 × 20 cm. Havebla ĉe D. Roskes, van Loostraat 68, Hago, Nederlando. Prezo 0.25 Fl., afrankite: 0.30, rekomendite: 0.45.

LA PESTO EN MILANO DUM 1630. El "La gefianĉoj", de A. Manzoni. El la itala lingvo tradukis P.C. Monti. Kolekto de la revuo "L' Esperanto". 22 Pĝ., Habebla ĉe A. Paolet, S. Vito al Tagliamento, Italio. Prezo 2 L. aŭ 1.50 Fr.

# Koresponda Fako.

Unu linio: 40 senoj aû 4 respondkuponoj. Rabato da 10% por 8 enpresoj kaj 25% por 12 enpresoj.

Mallongigoj: L=letero. P=poŝtkarto, PI=ilustrita poŝtkarto, M=poŝtmarko, S=sigelmarko, G=gazeto, E=esperantaĵo.

---

Redakcio de "Verda utopio" petas al samideanoj, ke ili bonvole sendu duope propagandilojn: afiŝojn, reklamilojn k.t.p. Rekompence ni sendos japanaĵon.

Sro. H. Tanaka, 15 Kyuzaemoncho, Minamiku, Osaka, Japanio, PI.

Sro. T. Amano, 27 Minamiwataya, Minamiku, Osaka, Japanio, PI.

Sro. Tsunetaro Fujima, 7 Soyemoncho, Minamiku, Osaka, Japanio, PI.

Sro. Ichiro Aoki, ĉe Sozan-ryo, Kadotayashiki 110, Okayama, Japanio, PI.

Sro. Teiichi Fujibayashi, 33 Tanaka-Sekiden, Kioto, Japanio, PI., L.

Sro. Karl Schmidt, Birkenstr. 17, 11, Dusseldorf, Germanio, PI., L.,M.

Sro. Walter Linke, Waldenburger 12, B. 1., Rottluff, Saksio, Germanio, PI.

Sro. Luigi Puppo, Via del Bragone 1/3, Genova, Sturla, Italio.

Sro. Alf. Proŝka, poŝtoficisto, Kaaden, Ĉeĥoslovakio, G., M.

Sro. Vicente Garcia, Str. Paja No. 28, Tarrasa (Barcelona), Hispanio.

Sro. John Ten Hinkel, 2520, Channing Way, Berkeley, California, U. S.A., PI.

Sro. Josef Pumr, instruisto, Hradec Kralove, Ĉeĥoslovakio, M.

Sro. Rutos Kominek, oficisto, Zubenec 113, Praha, Ĉeĥoslovakio.

Sro. Josef Vlad Supich, 31, Cerveny Kostelec, Ĉeĥoslovakio, M.

Fino. Julie Supichova, faka instruistino, Mala Stepanska 6, Praha, Ĉeĥoslovakio, PI., geografiajn lernolibrojn uzatajn en lernejoj.

Sro. B. Kruszczynski, Siemiradzkiego 10, Bydgoszcz, Polio, PI., M.

Sro. Jose Canellas, Str. Perez Galdos 80, Sabadell (Barcelona), Hispanio.

Sro. Marc Starkine, chez Monsieur Mêtron, Avenue de l' Etoile, Blanc-Mesnil, Francio.

Sro. Scheinberger Antal, Zrinyi utcza 2, Szeged, Hungario, M., PI.

Sro. Karel Brozek, Eusebiova 927, Kladno, Ĉeĥoslovakio, M.

大正十一年二月廿五日印刷
大正十一年二月廿八日發行

編輯兼發行人印刷人 大阪府泉北郡濱寺町字船尾七七九 福田國太郎

印刷所 大阪市西區京町堀通一丁目 工業之日本社印刷所

振替貯金口座大阪五五六二九番
發行所 ウエルダ・ウトピーオ社
大阪市南區上本町七丁目五二六五


